HAMBURG Esperanto



2/1994

Aprilo/Majo

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.







1904




1994



# Jubileo: 90 jaroj Esperanto en Hamburg

**Hamburg (ehh). Tute precize 90 jarojn post la 19a de Majo 1904, kiam estis fondita la *Unua Esperantista Grupo de Hamburgo - Altona'*, Hamburga Esperanto - Societo r.a. invitas festi jubileon: *90 jaroj Esperanto en Hamburg.***

Hamburga Esperanto-Societo r.a. estas ne nur laŭleĝa posteulo de la *Unua Esperantista Grupo de Hamburgo - Altona'* (la grandurbo Altona tiam apartenis al Prusujo, ne al Hamburg), sed ankaŭ posteulo de ĉiuj aliaj Esperanto-Grupoj, kiuj en 1936 devis ĉesi ĉian agadon laŭ ordono de GeStaPo (tamen oni kaŝe renkontiĝis kaj tenis kontakton al eksterlando). Estis dek-du grupoj, parte lokaj, parte kun specialaj celgrupoj, kiel laboristoj, komercaj dungitoj aŭ poŝtistoj, kiuj ekzistis komence de nia jarcento. ***daŭrigo sur dorsa kovrilo***

## Enhavo



**Diable, kial mi ne ricevas pli da materialo de niaj membroj?** *BK*

## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 205 35 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 3/1994: 7 - 5 - 94**

## Sentenco

**Laboro amas la stultulojn!**

(Дураков работа любит.)

*Rusa proverbo*

## Karaj legantoj,

la printempo komenciĝis kaj ni paŝas al la monato Majo, kiam ni festos jubileon de **90 jaroj Esperanto en Hamburg**.
Tiu jubileo kaŭzas multan laboron, ĉar ni volas kapti la intereson de la publiko, malgraŭ la fakto, ke samtempe okazos granda sporta festo en Hamburg.
Kiel prezidanto de HES kaj "ĉefa eldonanto" mi devas dissendi leterojn, eldoni varbilojn kaj redakti la jubilean broŝuron (kiun kompilis nia lerta kasistino *Hella Lanka*). La aliaj estraranoj de HES ankaŭ havas siajn laborojn: Prizorgi gastojn, prepari ekspozicion, plani gastronomion, prezenti la bibliotekon ktp. Tamen ankoraŭ restis tempo por realigi aliajn projektojn: Finfine la Esperanto-arbo ricevis novan ŝildon sur ŝtono, kiun efektivigis *Peggy Ley*, membro de la konsilantaro. Post iom da problemoj nun ankaŭ aperos nova kvarkolora varbilo por Esperanto en la 2a eldono post la sukcesa lanĉo de 1992 (vidu paĝon 5).
Krom la multaj klubaj Hamburgaj aferoj, la jaro 1994 por mi persone estas jubilea jaro: Antaŭ 10 jaroj mi fariĝis prezidanto de HES, antaŭ 20 jaroj *August Weide* instigis min, aktiviĝi en la movado — kaj antaŭ 70 jaroj miaj geavoj lernis Esperanton en *Wüstegiersdorf* (Silezio).

*Benno Klehr*

## Lasta novaĵo

La dua kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio okazos Pentekoste 1995 en Parizo.

# Jarĉefkunveno de HES 1994

La 24an de Februaro 1994 okazis la laŭorda jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo. La kunvenon gvidis la prezidanto *Benno Klehr*. La protokolo de la pasinta jaro, kiun skribis kaj laŭtlegis *Wolfgang Löbel*, estis akceptita. *Benno Klehr* raportis pri la pasinta jaro kaj petis memori pri la mortintaj membroj *August Weide, Zora Staničić* kaj *Hans Schütt*. La kasistino *Hella Lanka* prezentis la kasraporton de 1993, kaj la revizoroj *Irmgard Karst* kaj *Burkhard Mohrig* konfirmis ties korektecon. La membroj akceptis la kasraporton. Laŭ la regularo la gvidadon de la kunveno dum la senŝarĝigo transprenis tiucele elektita *Heinrich Wielgus*. Li dankis al la estraro pro la farita laboro kaj petis la kunvenon, senŝarĝigi la estraron, kio okazis sen kontraŭvoĉoj. La estinta estraro deklaris sin preta, esti reelektota. *H. Wielgus* proponis reelekton, kiun la kunveno akceptis unuanime. La proponon de la buĝeto por 1994, la kunveno akceptis post vigla diskuto kaj interkonsento pri pli alta ŝparsumo. Alia diskuto temis pri altigo de kotizoj. Kvankam pliaj enspezoj estus dezirindaj, la kunveno decidis, ne altigi, ĉar la membroj jam sufiĉe estas ŝarĝitaj per ŝtataj altigoj de impostoj kaj aliaj kostoj. La estraro de HES konsistas el jenaj personoj: 1a prezidanto *Benno Klehr*, 2a prezidanto *Elsbeth Wielgus*, Sekretario *Wolfgang Löbel*, kasistino *Hella Lanka*, bibliotekistino *Hannelore Brunow*, estrara asesoro *Frank Merla*. La konsilantaro konsistas el jenaj personoj (alfabete): *Elena Blasius, Walter Kahlert, Volker Kraeft, Peggy Ley* kaj *Hannelore Meinßen*.

*Benno Klehr*

# Ĉe-Ellen-ir-tago 12. 5. 1994

Dum ĉielirtago ankaŭ ĉi-jare kiel kutime ni trinkos kafon post promeno de la Esperanto-Arbo al la HES-klubejo. 🕒 Ni renkontiĝos je la 15a horo apud la metroa stacio **Horner Rennbahn**, elirejo *Bauerberg*. Estas nur kelkaj paŝoj al la Esperanto-Arbo. De tie ni komune promenos tra la parko laŭlonge de la metroa linio ĝis la klubejo, 🕒 kie je la 16a horo **Karl-Heinz Hoffmann** invitas nin, okaze de sia **75jariĝo** (6.5.), trinki kafon kaj manĝi kukon.

# n-ro 2 / 94

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | | | 12 | 13 | | | | 14 | |
| 15 | | 16 | | | | 17 | | | |
| 18 | | 19 | | | | | | | 20 |
| 21 | | | | 22 | 23 | | 24 | | |
| 25 | | 26 | | | | | | | 27 |
| 28 | | | 29 | | | 30 | | | |
| 31 | | | | 32 | | | | 33 | 34 |
| 35 | | | | 36 | | | | | |

**Vertikale:** **1** Malahonesteco aŭ malĉasteco estas signita tiel. **2** Ni semas kaj semas, neniam laciĝas pri tiu person'. **3** Dio, mia suno! **4** Tiu bird' estas konata kiel saĝa - au sveda ĉokolado. **5** La kvina el la 28. **6** Ŝatata bild' de popo. **7** Pentrist' el Italio, sed alia anĝelo. **8** La kordojn de nigra kest' oni vibrigas per ĝi. **9** tutu mallonge: aŭto okcidente de Hispanio. **10** Homo, kiu pagas, aŭ ne pagas, por esti membro en societo. **13** La dua el la tri bazaj kapabloj. **14** Ĉiĉerono parolas, Cicerono estis tia person'. **15** Tia laboro videblas en HES-klubejo la 18an de Majo. **19** Iru tien, kie kreskas la pipro! **20** Ne estas abio, kaj ne daŭrema. **23** Mezepoka *laser-show* en oleo konservita. **24** La malo de la nom' de la gazeto de GLEA. **29** Sendante leteron al Maribor, oni skribas tion. **30** Ne kalkulebla temp'. **32** Ankoraŭ ekzistas aŭtoj el Ahaus kun tiu signo. **33** Metal', kiun oni serĉis en Sarajevo, Seulo aŭ Grenoble.

**Horizontale:** **1** Ne ĉiam tiom solida, kiom la nom' supozigas. **5** Ŝlosil', kiu ne estas ŝlosilo. **9** mallonge: ne plaĉas al mi. **11** Reagi laŭ la sento, viroj nomas tipe tiel. **12** Estas ŝalot', sed Esperanto ja estas tiom racia! **15** Spegula transskribo de la greka litero Teta. **16** Eble rabobesto, eble dio, eble infero. **17** Je tio oni prijuĝu homon. **18** Ne *fortissimo* sed Esperantissimo (mll.). **19** fest', kiam kristanoj fariĝas paganoj. **21** Salikoko estas la nom' de la besto, kiun Germanoj kutimas nomi tiel. **22** Kiel priskribi la oficejon de GEA per unu adjektivo? **25** Asama trinkaĵ'. **26** Jen tio, la 19an de Majo. **27** Mallonge grava orient-Eŭropa monunuo. **28** Alster, Elbe kaj Bille certe estas konataj - sed kiu venas el Altona? **29** Kvazaŭ spegula fenomen'. **31** Se mankas tio, fiaskas ĉio — ne nur en Esperantujo. **34** Tiu nulas ĉe 273 minusaj gradoj (mll). **35** Ĝi kaŭzas lakson, sed la haŭton beligas. **36** La nepagata salajro de plej multaj klubaj kunlaborantoj.

**Atentu!** Tiu ĉi enigmo ne estas laŭ la kutima maniero. La priskriboj foje estas misgvidaj kaj foje necesigas strangajn asociadojn. Tamen la finaĵoj de la solvoj kutime evidentiĝas el la priskriboj. Multan plezuron!

*Benno Klehr*

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## APRILO

**Ni deziras ĝojan Paskon**
al ĉiuj membroj kaj amikoj!

**7** *Gerald Roemer:* **Vojaĝo al Japanio** (diapozitivoj)

**9** *Studrondo* (poste estrarkunsido)

**14** *Bodo Schneider:* (video) **Esp. en 3 kontinentoj**

**21** *Werner Bormann:* **Faka lingvo**

**23** *Studrondo*

**28** *Irmgard Karst legas:* **La eta princo**

## MAJO

**5** **Kunveno de la Landa Ligo de GEA** bvonvolu legi inviton sur paĝo 8

**7** *Studrondo* (poste estrarkunsido)

**12** **Ĉe-Ellen-ir-tago** pliaj informoj sur p. 3

**19** **Jubilea Tago** **90 jaroj Esp. en Hamburg** programo sur paĝo 8

**21** *Studrondo*

**26** *Raportoj pri la* **Germana Esperanto-Kongreso en Kiel**

## Ni ofertas

**kolorajn poŝtkartojn kun la jubilea emblemo: Esperanto en Hamburg 1904 - 1994.**

Por nur po 1,- Marko – haveblaj en la klubejo.

## Ĉu vi ŝatus fari pli por Esperanto, sed ne havas tempon?

Eble via tempo sufiĉas por plenigi ĝirilon, por ke al la laboremuloj ne manku la mono, kiun necesas elspezi, kiam oni volas efike varbi por Esperanto. Ĉu vi ankoraŭ hezitas? Ek! La konto-numeron vi trovos sur paĝo 2. **Hella atendas.**

# Nia Kostumfesto

Eble pro la subita vintra vetero venis malpli da membroj ol la organizintoj esperis. Bedaŭrinde, ĉar ili preterlasis vere sukcesplenan feston. En bele ornamita salono kun orientaj tapiŝoj sur la muroj kunvenis ĉirkaŭ dudek-kvin personoj kostumitaj laŭ la vespera temo. Kune kun ni festis du Turkaj familioj kun kvar infanoj kaj, ĉar la du infanoj de *Frank Merla* akompanis la patron, entute ses infanoj ĉeestis kaj ĝuis la ludadon kun la plenkreskuloj kaj la dancadon.

Bedaŭrinde niaj pli junaj membroj jam dum jaroj ne havas emon partopreni. Ankaŭ la lernantojn el la nuna aŭ antaŭaj kursoj ni ne vidis. Ĉu pli junaj homoj ne plu emas festi? Kion ni do krome faru por alvenigi ilin? Ĉifoje ni eĉ sukcesis, pere de la kontaktoj de *Hannelore Brunow*, havi eksterlandajn gastojn en nia rondo. Ili cetere jam dum pluraj jaroj loĝas kaj laboras en Hamburg; ĝuste tiujn grupojn ni jam de longe klopodis kontakti.

La vespero pasis en bona harmonio. Ĉe la bufedo la ĉeestantoj povis elekti la manĝaĵojn la sia gusto. En bela kostumo *Hannelore* demonstris, kion ŝi lernis en kurso pri ventra dancado. Tiom lerte ŝi dancis ke *Yksel*, juna Turka amiko, taksis ŝin la sola orientanino en la domo.

Longe post noktomezo finiĝis la festo kaj laŭ mia opinio ĉiu kontenta veturis hejmen. *EW*

# ekzameno

Gajaj ekzamenkandidatoj ricevis la diplomojn por kursfina ekzameno, la 17an de Januaro 1994 en la Hamburga Esperanto-domo: (de maldekstre) Stephan Grochowina, Dagmar Lebermann, Bernd Lebermann (malantaŭe), Hella Lanka, ekzamenkomisariino, Jörg Rönnau, Angela Rönnau, Irmgard Karst, kursgvidantino.

Foto: Lanka



# Nova 4-kolora varbilo

## Nova eldono de la sukcesa faldfolio de 1992 aperas ĝustatempe antaŭ la kongreso en Kiel.




Iom simila al la apuda bildo ĝi aspektos — sed kompreneble kvarkolora. La nova eldono ne plu montros mapon de Eŭropo, sed terglobon. Laŭ la enhavo ĝi estos simila al la unua eldono, kiu estis eldonita antaŭ la Germana Kongreso en Schwerin en 1992. Jam dum kelkaj monatoj ĝi ne plu estas liverebla. Simple represi tiun eldonon ni ne volis — necesis kelkaj korektoj, kaj la novaj poŝtkodoj postulas prilaboron.
La varbilo indikas la adresojn de GEA en Bonn kaj Berlin, kaj krome disponigas spacon por surglui adres-etikedojn de la loka grupo (kiajn oni uzas por leteroj). La folio estas tiel ellaborita, ke eblos ĝin uzi ankaŭ post unu aŭ du jaroj.
Nia intenco estas, prezenti al la publiko Germanlingvan prezenteblan varbilon, pri kiu oni ne devas honti...

# HEROLDO DE ESPERANTO

**Kiel kutime, la printempa duobla numero de "Heroldo de Esperanto" enhavas liston de feriaj renkontiĝoj, seminarioj, internaciaj kursoj, kunvenoj kaj kongresoj, kiuj okazas en Esperanto.**
**La listo por 1994, en kiu aperas datoj, adresoj kaj programoj, priskribas ĉ.250 aranĝojn en la tuta mondo. Oni povas senpage ricevi la koncernan duoblan numeron, petante ĝin ĉe: HEROLDO DE ESPERANTO, Via Sandre 15, I-10078 Venaria Reale (To), Italio.**

# Germana Esperanto-Asocio — Landa Ligo Hamburg invitas al publika kunsido

**5a de Majo 1994, 20a horo, en la Esperanto-domo**
**Gravaj punktoj de la tagordo: 1) Elekto de prezidanto**
**2) Elekto de delegito por la federacia konsilio de GEA**

# Jubilea Tago 19a de Majo 1994

***daŭrigo de la titolpaĝo***
En 1910 ĉiuj grupoj kolektiĝis en loka ligo, sed daŭrigis sian unuopan laboron. Depost 1985 denove ekzistas loka ligo en Hamburg, la *Landa Ligo Hamburg de Germana Esperanto-Asocio.*

Ĝiaj membroj momente estas:
*Hamburga Esperanto-Societo r. a.,*
*la Societo por Internacia Lingvo r. a.*
*kaj la Hamburga grupo de*
*Germana Esperantista Fervojista Asocio.*

*B Klehr*

Ĉiuj Hamburgaj Esperantistoj komune festas tiun memorindan tagon.

La **jubilea tago** en la domo de Hamburga Esperanto-Societo komenciĝas je la horo

**14.00** kun **gazetara konferenco**.
Post malgranda **kolaziono** sekvos je

**15.00** inaŭguro de **ekspozicio** pri la historio de Esperanto en Hamburg, kun rilato al nuntempo kaj projektoj por la estonteco.

**16.00** eblas partopreni en **promenado** al la ***Esperanto-Arbo***. La platano de1972 nun estas signita per nova ŝildo sur ŝtono.

**17.00** Kafo kaj kuko, malstreĉa konversacio, malgranda distra programo

**19.00** Hamburga Esperanto-Societo invitas al **vespermanĝo** kun salitaj haringoj, lardo kaj fazeoloj aŭ krema saŭco kun terpomoj — tipe Nordgermana manĝaĵo; kaj tradicia manĝaĵo en la klubejo de *HES*.

**20.00** komenciĝas la **festvespero** kun paroladoj kaj salutvortoj al la jubileo de
***d-ro Wolfgang Schwarz*** (Dresden),
***Elsbeth Bormann*** (honora prezidantino de *GEA*),
***Benno Klehr*** (prezidanto de *HES*),
***d-ro Werner Bormann*** (prezidanto de *GIS*),
***Fritz Wollenberg*** (Berlin), k. a.
La **muzika programo** prezentas internacian etoson per piano kaj kantado en Esperanto kaj aliaj lingvoj.

**24.00** estas la tempo por la tradicia ***Noktmeza Rondo*** kun babilado kaj diskutoj, kaj la vespero finiĝas, kiel kutime en Hamburg, nur en la frua mateno.